Año XII N.º 5 (123) SEPTIEMBRE-OCTUBRE 1960

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA



*Kongresanoj kaj aŭtoritatoj antaŭ pordego de Sankta María.*



*S-no Alonso kaj liajbonaj pontevedraj helpantoj.*

## ANONCETOJ

⁘ *Hispana samideano, deziras korespondi kun geesperantistoj el ĉiuj landoj pri ĉiuj temoj kaj interŝanĝi postmarkojn kaj B. k.-n. Adreso: S-ro Emilio Verdú. Dr. Lluch, 18, 7.ª Cabañal-Valencia (Hispanujo).*

⁘ *Tri junaj esperantistoj deziras korespondi kun gesamideanoj el la tuta mondo. Adreso: S. Anduix. Salvador, 17, Concentaina (Alicante) Hispanujo.*

⁘ *Esperanto-Grupo Malang, per adreso al S-ino Bu Sugeng Winatasastra, Djalan Kurintji Nr. 1, Malang, Indonesia; deziras korespondi kun gesamideanoj el Hispanujo. La korespondemuloj estas Rom-katolikaj.*

⁘ *Madame Lucienne Jourdainne. 23, rue Víctor Hugo. Rouen (Seine-Maritime) Francia. Deziras intersanĝi kun hispanaj geesperantistoj poŝtkartojn kaj korespondi pri la lando.*

⁘ *Pola instruistino pri art-teksado, brodaĵo, vestaĵo, arto, deziras korespondi kun esperantistoj hispanaj. Ewa Sliwkowna. Lisa Gora. Pow. Brzesco. Krakowskie (Pollando).*


# GRAMATICA, EJERCICIOS Y DICCIONARIO de ESPERANTO

por

**JOSE ANGLADA PRIOR**

**Edición ampliada**
**164 páginas, 40 pesetas**

Se ha hecho un tiraje especial de la ampliación (Suplemento)
**precio 12 pesetas**
para atender a los que poseen la edición anterior.

Gastos de envío aparte
Pago anticipado o a reembolso

**Pedidos a Libroservo de H.E.F.**
**o al autor**

**Sitjas, 3, pral. 1.ª - BARCELONA (1)**



# Libroservo de H.E.F.

**LIBROS PARA LA ENSEÑANZA DEL ESPERANTO:**

**Esperanto al alcance de todos,** *Soler-Valls,* **25 pesetas.**

**Gramática y Vocabulario de Esperanto,** *Bremón,* **75 pesetas (encuadernado).**

**Gramática, Ejercicios y Diccionario de Esperanto,** *Anglada,* **40 pesetas.**

**Lernolibro de Esperanto.** *Mimó,* **65 pesetas (encuadernado).**

**DICCIONARIOS:**

**Diccionario Esperanto - Español,** *Balech-Menéndez,* **40 pesetas.**

**Vocaculario Español - Esperanto,** *Tudela,* **75 pesetas.**

**Vocabulario Esperanto - Español,** *Tudela,* **75 pesetas.**

**Plena Vortaro de Esperanto, 150 pesetas.**

**Clave de Esperanto - Español, 5 pesetas,**

Pedidos a LIBROSERVO DE H.E.F,
**Marqués de Caro, 6 - VALENCIA**


# PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos recibidos desde el 16 de Junio al 10 de Septiembre de 1960)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 2.119 | » |
| E. Marbán - Palencia | 10 | » |
| Ges-roj Costells - Suecia | 221 | » |
| J. Ibáñez - Valencia | 40 | » |
| R. Torán - Manresa | 10 | » |
| J. Salvá - Caldetas | 8 | » |
| V. Alavedra - Tarrasa | 100 | » |
| P. Naranjo - Jerez Frontera | 10 | » |
| J. Oros - Zaragoza | 15 | » |
| M. Maynar - Zaragoza | 15 | » |
| F. Abella - Barcelona | 25 | » |
| E. Folgado - Badajoz | 25 | » |
| R. Albero - Burjasot | 10 | » |
| J. Carles - Sardanyola | 15 | » |
| E. Costa - Sardanyola | 15 | » |
| E. Solá - Viver | 20 | » |
| Amiko el Nederlando | 75 | » |
| J. Olixeras - Barcelona | 40 | » |
| M. Alamo - Valverde - Hierro | 25 | » |
| De Esperanto Klubo S. A. Payá - Mislata: Roberto, 10 ptas.; Vicentita, Consuelito, Sanchis, Vicente, Segura, Angelet, Sevilla, Forés, Catalá, Blasco, Joel, Llorca, Ruiz, Terol, Albero, Juanito, Francisco, Vilaplana Félix, Tonet, Modesto y Alfredo, 5 ptas. cada uno; Marujín, Rafa, Leopoldo, Enriquito, Burgos, Domingo Carlos, 3 ptas. cada uno; Guillot, Monerris, Eliseo, García y Batiste, 2 ptas. cada uno | 151 | » |
| Suman | 2.949 | Ptas. |




# NIA XXI KONGRESO DE ESPERANTO

**Bela kadro, bona organizo, pli ol 300 kongresanoj, sukceso antaŭ la publiko, kaj gravaj decidoj por interna funkciado de Hispana Esperanto-Federacio**

Denove, kiel en antaŭaj jaroj, la hispana esperantistaro kunvenis ĉi-jare, montrante al la skeptikuloj—kaj, kelkfoje, al la esperantistoj mem—la vivantecon de Esperanto kaj de nia Movado.

Niaj kongresoj ĉiam prezentas du pozitivajn flankojn. Unu, antaŭ la ekstera publiko, en la urbo kie la soleno okazas. Dank' al la autoritatoj, per ilia apogo kaj, preskaŭ ĉiam, per ilia rekta partopreno, en la plej elstaraj programeroj, kaj al la loka gazetaro, kiu raportas ĉiutage pri la disvolviĝo de ĉiu aranĝo kaj pri diversaj aspektoj de nia Movado kaj Esperanto, la urba loĝantaro ekscias pri la seriozeco de niaj celoj kaj pri la eblecoj kaj atingoj de la Internacia Lingvo.

Alia flanko estas tre interesa, laŭ la interna vidpunkto: Apud la turismaj celoj de kelkaj partoprenantoj, la konsciaj esperantistoj laboras, interŝanĝas spertojn, projektas novajn planojn, starigas kontaktojn kun aliaj, kaj, el tio, ili ĉerpas fortojn por marŝi antaŭen, pli kunigitaj, pli entuziasmaj kaj pli konsciaj pri la komuna celo.

La Pontevedra Kongreso sukcesis ambaŭflanke. La aŭtoritatoj apogis kaj ĉeestis niajn kunsidojn plej solenaj—dum inaŭguro kaj fermo—kaj pligravigis nian aferon antaŭ la ĝenerala publiko, kiu bone sciis, pere de la jurnaloj el Vigo, Santiago kaj aliaj urboj, pri la disvolviĝo de l'Kongreso, kio kaŭzis alvenon de amaso da leteroj al la sekretariejo kun petoj de interesitoj por lerni la lingvon.

La interna flanko de nia kongreso ankaŭ estis sukcesa. La HEF-anaro aprobis kelkajn modifojn en la regularo, kiuj povas esti granda helpo por kreskigi kaj plifortigi nian Federacion; oni planis novajn vojojn por la disvastigado de Esperanto en nia lando, kaj oni starigis personajn kontaktojn, estonte fruktodonajn. Cetere, oni ricevis grandan impeton pro *kontaĝo* de la dinamika Pontevedra Esperanto-Klubo, kiu tuj post sia fondiĝo, jam estas la plej multenombra en nia lando kaj havas en siaj membroj sufiĉajn kvalitojn por rangi kiel unu el la plej elstaraj grupoj, ne ja nur hispanaj, sed internaciaj.

Tamen, ankaŭ ne mankis bedaŭrinda novaĵo: subita morto de kongresano, S-ro Víctor Rebollo, kaŭze de koratako. Tiel dolora evento unuafoje okazis en hispana kongreso. Lia enterigo estis impona surstrata manifestacio.

Por tiuj, kiuj ne partoprenis la kongreson, ni priskribas, sekve, la diversajn okazaĵojn, kiuj fluis dum nia ĉeesto en Pontevedro.

MERKREDO, 20 JULIO.

Tra diversaj vojoj de nia varia kaj pitoreska lando, post veturo de pli ol mil kilometroj, por plej granda parto el la partoprenantoj—ĉar, nekompreneble, mankis en nia nunjara rendevuo esperantistoj el la proksimaj grupoj kaj urboj—la kongresanoj venis al Pontevedro; kelkaj, uzante la specialan rabaton de la Nacia Fervojo, aliaj per sia propra veturilo, kaj multaj en luksaj kaj modernaj aŭtobusoj (du el Valencio kaj Cheste, unu el Bilbao kaj alia el Sabadell).

Ĉe la enirejoj de la urbo, kvazaŭ trafiksignalo, estis videbla granda verda stelo

kun vorto *haltu!* Tie, membro de la Pontevedra Klubo bonvenigis la alvenantojn kaj informis ilin pri loĝado—malfacila tasko por la pontevedranoj!—Malgraŭ sia bona volo kaj laborado, ili ne povis solvi la koncernajn problemojn tiel rapide kaj glate, kiel dezirinde, kvankam, fine, ĉio estis kontentige solvita.

Vespere, je la sesa, en la salonoj de «Casino Mercantil», kie antaŭ kelkaj tagoj estis inaŭgurata Esperanto-Ekspozicio, komenciĝis la disdonado de la dokumentaro. Estis agrabla surprizo por la kongresanoj, ke unu el la disdonantoj estis nia jam konata kaj estimata nederlanda samideano S-ro J. M.Mabesoone, kiu frue veninte, pretigis sin helpe al la Organiza Komitato. En granda—grandega—koverto, ĉiu ricevis la kongreslibron, metalan medalon, urboplanon, kun indikoj pri la diversaj lokoj kie disvolviĝos la programo, kaj aliajn dokumentojn kaj paperojn.

Poste, komenciĝis babilado, salutoj kaj reciprokaj interkonaj prezentadoj, dum kio cetere, ĉiuj povis trinki senpage refreŝigaĵojn, afable disponigitajn de granda entrepreno «Pepsi-Cola». Ankaŭ oni plezure aŭskultis diverslandajn kantojn aŭ paroladojn pere de magnetofono. Krom tio, logis la atenton la abunda kaj bonkvalita materialo, kiu estis ekspoziciata en la vasta salono de la akceptejo, tra kiu oni povas konstati la grandan ĝojon,kiun ĉiuj sentas pro la renkontiĝo kun novaj kaj malnovaj amikoj.

Ankaŭ estas rimarkebla la ĉagreno de multaj pro la neĉeesto de aliaj konatoj, kiel nia Prezidanto D-ro Herrero, kiu, okaze de subita malsano dum la vojaĝo, devis resti en Santiago, kun ega bedaŭro, ne nur pro sia malsano, sed pro la ebleco ne povi partopreni la kongreson, malgraŭ sia proksimeco al la kongresurbo, post longa kaj ĝena veturado de ekstremo al ekstremo de la lando.

Jam en plena noktiĝo, ĉiuj marŝis al siaj hoteloj kaj pensionoj, kun ĝojo pro la renkontiĝoj kaj ankaŭ kun espero al plej kontentiga sukceso.

ĴAUDO, 21 JULIO.

Je la deka kaj duono, en la aŭlo de «Instituto de Segunda Enseñanza» okazis la inaŭgura kunsido. Anstataŭ D-ro Herrero, kiu laŭ lastaj informoj, devas definitive rezigni sian partoprenon en la kongreso, prezidas D-ro Mariano Solá, kiu eksidas en la prezidejo apud pastro Casanovas, D-ro Tudela, S-ro Alonso, sekretario de la Organiza Komitato, kaj S-ro Hernández.

S-ro Alonso laŭtigas salutvortojn kaj bonvenon al ĉiuj gekongresanoj kaj petas bonvolemon por senkulpigi la organizantojn antaŭ la evidentaj difektoj, kiujn kelkaj trovis kaj eble ankoraŭ trovos en pluraj aranĝoj. Li klarigas poste, ke la aŭtoritatuloj, pro devoj en siaj postenoj, troviĝas, nun, ekster la urbo; kaj, tial, ili ne povas partopreni la Malfermon, sed, eble, ili ĉeestos en aliaj aranĝoj kaj, tute certe, en la Fermo de la Kongreso.

Sekve, D-ro Solá ĝuigis la ĉeestantojn per belaj improvizitaj vortoj, kiuj, malgraŭ lia aserto, ke li bezonas antaŭtempon por prepari paroladon, ĉar li ne estas improvizanto, multe plaĉis al ĉiuj kaj estis premiita per longa kaj varma aplaŭdado.

D-ro Solá dankas unue la organizantojn, pro ilia fervoro, kaj sekve per fluaj paroloj li rimarkigas la diferencon inter rapidega progreso materia kaj la progreso morala, malmulte pli rapida, kio estas unu el la kaŭzoj pro kiuj Esperanto ankoraŭ ne plene triumfis. Tamen, la esperantistoj, kiel Moseo dum sia longa vojaĝo al la promesita lando, antaŭĝuas la sukceson kaj scias, ke se, kiel Moseo, ni ne atingos vidi tiun promesitan landon, niaj filoj nepre ĝin vidos.

Post tiuj vortoj, vicas salutado de reprezentantoj de grupoj, societoj kaj landoj, krom legado de salutleteroj kaj telegramoj, laŭ jena ordo:

S-ro Angel Corral, je nomo de argentinaj esperantistoj kaj de la Asocio el Buenos Aires, salutas kaj diras, ke, kvankam en Ameriko oni ne sentas tiel forte, kiel en Eŭropo, la bezonon de Esperanto, iom post iom ĝi disvastiĝas kaj kreskas.

S-ro Mabesoone, el Nederlando, esprimas sian miron pro la granda nombro da partoprenantoj en la hispanaj kongresoj, spite la longajn distancojn, kompare al Nederlando. Li salutas ankaŭ je nomo de la samideanoj el Jerez kaj Sevilla, de kie li venis antaŭ kelkaj tagoj.

S-ro Adolfo Nunes, el Portugalujo, salutas anstataŭ S-ro Antunes, ĉefdelegito de U. E. A. en nia najbara lando, kiu ne povas ĉeesti en la hodiaŭa kunveno. Poste, S-ro Nunes legas belan kaj trafan soneton, kiun li dediĉas al Pontevedro, la nunjara kongresurbo, kaj kiun niaj legantoj povos legi en alia paĝo de ĉi tiu numero de *Boletin*.

El la ricevitaj salutleteroj ni rimarku jenajn: de S-ro Mihajlovich. S-ino Marjorie Boulton, S-ro Teo Jung, ankaŭ el Bulgario kaj Mozambiko kaj de hispanoj, kiuj persone ne povis veni, kiel samideanoj Argimiro, el Gijón; Urbano Collado, el Santander; Rafael Gisbert, el Barcelono; Restituto Albero, el Burjasot; Rómulo Rocamora, el Barcelono; Juan Régulo Pérez, el Tenerife; Darío Rodríguez, el Madrido; Ernesto Martínez, el Cheste; S-ro Naranjo, el Jerez, kaj S-ro Dionisio Ric, el Malaga.

La inaŭgura kunveno finiĝas je la dekunua kaj kvarono. Tuj sekve, la kongresanaro marŝas al la Preĝejo Sankta María la Granda, kie Lia Prelata Moŝto, ĉefpastro Lino García y García celebris la sanktan meson, dum pastro Casanovas predikis saĝajn esperantajn vortojn, rimarkigante, kial katoliko devas fariĝi esperantisto, kaj skizante la disvastiĝon de Esperanto inter katolikoj el la tuta mondo kaj en ĉiuj ekleziaj ordenoj. Kiel kutime, nia veterana pastro Casanovas faris belan kaj meditindan predikon, kiu altiris atenton, unue de la esperantistoj kaj poste, per hispanlingva traduko, de la tuta ĉeestantaro.

Fine de la diservo, la kongresanaro eliris el la preĝejo kaj okupis lokon sur ŝtuparo, antaŭ la ĉefa fasado, kie la fotografistoj estis pretaj reteni por la historio la vizaĝojn de la kongresanoj. Post taŭga aranĝo de la grupo, la fotografistoj pafas siajn fotilojn, unu kaj aliajn fojojn, ĝis fine



PAROLADO DE LA URBESTRO.

ĉiuj ekiras, en mallonga promenadeto, al la Urbodomo, kie oni atendas la alvenon de la Urbestro, kaj kie la kongresanoj estas akceptataj de la urbestraro kaj regalataj per tre bona lunĉo, konsistanta el ŝatindaj frandaĵoj, inter kiuj elstaris speciala koktelo, farita por la okazaĵo, kun la nomo «Esperanto».

La urbestro, S-ro José Filgueira Valverde, ege simpatia persono kaj kompetenta publicisto, direktoro de Instituto por meza Instruado, agrable surprizis la aŭskultantojn per trafaj vortoj de bonveno kaj danko, en perfekta Esperanto; post la tondraj aplaŭdoj, kiuj sekvis, nia S-no Alberto Sánchez, profesoro de la Instituto «Cervantes», de Madrido, nome de la kongresanaro, reciprokis la afablajn vortojn de la urbestro kaj dankis la gastamecon de Pontevedro, kiu pretigas sin esti hejmo, dum kelkaj tagoj por la nacia kunveno de la hispana esperantismo. Per elokventaj vortoj, S-ro Sánchez emfazis la strebojn de la urbestraro kaj tiujn de la Organiza Komitato.

Sekve, bela esperantistino, F-ino Aurora Moya, metis sur la bruston de la urbestro la kongres-medalon, kiun ĉi tiu plezure akceptis. Entuziasma aplaŭdo konfirmis la ĝeneralan ĝojon, akorde kun la parolinto kaj kun la *kongresaniĝo* de la urbestro.

Posttagmeze, je la kvara kaj duono, kunvenis la reprezentantoj de la grupoj, en privata kunveno, por diskuti kaj ellabori la proponojn kiuj morgaŭ estos submetataj al la ĝenerala konsidero en la laborkunsido. Ĉar estis multaj aferoj traktendaj, kelkaj

pri financoj, la kunveno daŭris pli ol komence oni supozis; tial, la partoprenantoj de ĉi tiu kunsido ne povis iri kun la ceteraj kongresanoj al la Pontevedra Muzeo, La vizito estis loga programero, tre bone aranĝita, kun kelkaj gvidantoj, kiuj klarigis la diversajn fakojn de la Muzeo; por tiuj, kiuj ne konas la hispanan lingvon, oni tradukis esperanten la klarigojn; vere, la Muzeo enhavas gravajn kaj unikajn artaĵojn kaj antikvaĵojn. Tre rimarkebla estas la zorgemo, kiun oni trovas en la aranĝado de tiu mirinda kolekto, tiom en la ĝenerala aspekto, kiom en la plej eta detalo.

La programo ankaŭ anoncis projekcion de filmo parolata en Esperanto; tamen, kvankam la filmo ĝustatempe alvenis al Madrido, ĝi ne povis esti prezentata al la kongresanoj, pro diversaj malfacilaĵoj, tute ne dependaj de la organizantoj.

VENDREDO, 22 JULIO.

La hodiaŭa programo estas densa kaj vere interesa. Tial, tiuj, kiuj fidele sekvas ĉiujn aranĝojn, akurate iris al la Instituto, kie devis komenciĝi la unua ĝenerala laborkunsido. Tie troviĝis S-ro Alonso, ĉiam en la loko kie li estas bezonata, sed ĉifoje li urĝe serĉadis D-ron Tudela, ĉar iu kongresano subite malsaniĝis, ŝajne per grava malsano.

Kiam en la salono ĉio estis preta por komenci la kunvenon, alvenis la ĉagrena sciigo ke ĵus mortis tiu samideano kiu ekmalsaniĝis. Tiu sciigo, pro sia neatenditeco, estis kaŭzo de granda konsterno kaj malĝojo. La forpasinto estas S-no Víctor Rebollo Echániz, kiu loĝis en Barcelono kaj naskiĝis en vilaĝeto proksíma al Pontevedro; S-ro Rebollo, en diversaj okazoj, montris deziron revidi sian naskiĝejon, antaŭ ol morti. Hieraŭ mem, li vizitis tiun vilaĝeton, plenumante tiel sian deziron, kaj en intima babilado kun la familianoj, kiuj lin akompanis, li diris. «Jam mi povas morti trankvila. Mi revidis mian vilaĝon!».

Post la bedaŭrinda informo, la estraro de la kunveno decidis, kun ĝenerala aprobo, ne okazigi la anoncitan laborkunsindon kondolence al la funebra okazaĵo.

Sed, malgraŭ tio, en siaj ceteraj aranĝoj, la kongreso devas daŭri. La kongresanoj translokiĝis al la Provinca Estrarejo de la Nacia Movado, kie S-ro Alonso jam estis preta por publike montri la atingitajn rezultatojn en tre interesa pedagogia eksperimento. Estis prezentataj kelkaj infanoj el ses aŭ sep jaroj, kiuj partoprenis Esperanto kurson nur antaŭ dudek tagoj, sub gvido de unuagrada instruisto, kiu ĵus lernis Esperanton antaŭ ol siaj lernantoj.

Unu infano, elektita de persono inter la publiko, post kelkaj klarigoj de la instruisto rilate figurojn desegnitajn sur nigra tabulo, kiuj prezentis per bildoj infanan rakonton, kapablis rakonti la tutan fabelon per klaraj simplaj vortoj, kiuj mirigis la ĉeestantojn. Tuj sekve, pluraj alilandaj samideanoj, el tiuj ĉeestantaj, faris demandojn al la infanoj, kiujn ili respondis trafe kaj rapide. Fine, la lertaj «samideanetoj» estis premiitaj per bombonoj kaj novaj moneroj, krom honora tondro de aplaŭdoj, kiel emocia omaĝo de ĉiuj ĉeestantoj. Certe, ĉi tiu programero meritas atenton kaj studon, eĉ ekster la kadro de la kongreso.

Tuj poste, gelernantoj de kurso, ankoraŭ ne finita kaj kiun oni komencis antaŭ du monatoj, ludis amuzan teatraĵeton de Marjorie Boulton: «La Pruvo». Eĉ sciante pri la absoluta amatoreco de la ludantoj, neniu ĉeestinto kuraĝus diri, ke ili ne estas spertaj esperantistoj, ĉar ili ĉiuj per klara korekta prononco laŭtigis siajn rolojn. Fakte, ili zorge studis; kaj kvankam oni povas diri, ke eĉ pagago ripetas vortojn parkere, junaj geaktoroj lernis sufiĉe nian lingvon, dum mallonga periodo, por bone paroli ĝin, kun absoluta komprenebleco por ciu aŭskultanto.

La prezentado de tiu teatraĵeto kaj la simpatio de la infanoj en la unua parto, pruvas la persistan laboremon de la iniciatinto S-ro Alonso, kies sukcesaj klopodoj estas espero de glora estonteco por Esperanto en nia lando.

Fine, la kongresanoj vizitis. en apuda salono de la sama domo, ekspozicion de fotoj kaj grafikaĵoj sub la titolo: «20 jaroj sub

la regado de Franco». Kelkaj fotografistoj pafas siajn fotilojn, antaŭ ol amasa disiĝo serĉe al manĝo, por repreni fortojn kaj povi daŭrigi antaŭen la ceterajn aranĝojn.

La dua—laŭ la programo—sed fakte la unua, laborkunsido okazas je la kvara posttagmeze en la sama salono, kie hieraŭ okazis la malfermo.

D-ro Solá, kiu anstataŭas nian prezidanton D-ro Herrero, proponas kiel prezidanton por la laborkunsido, S-ro Cantalapiedra, el Valladolid, ĉar, onidire, li devas praktiki la postenon, por akíri sperton, kiam oportuntempe okazos en lia urbo kongreso, kiel multaj deziras.

Apud S-ro Cantalapiedra sidas en la presidejo S-roj Solá, Guillem, Hernández kaj Pérez.

Antaŭ ol komenci, ĉiuj staras silente dum unu minuto, memore al la forpasinta S-no Víctor Rebollo, kies enterigo okazos morgaŭ matene. La kunsido, kiun resume ni priskribas, okazis sen grandaj diskutoj. ĉar la reprezentantoj de la grupoj jam diskutis kaj interkonsentis hieraŭ pri la diversaj punktoj.

Komence, la Sekretario legas la raporton pri la pasinta laborperiodo de HEF. Poste, la komisiitoj por la diversaj fakoj kaj servoj aldonas klarigojn aŭ komentojn. La ĉeestantoj aprobas la raporton kaj, sekve, paragrafon post paragrafo, estas aprobataj la necesaj modifoj en la regularo. Per tiuj modifoj, oni intencas faciligi la fondiĝon de grupoj kaj sekcioj, same kiel de reto da delegitoj.

Ankaŭ, oni esprimas la deziron eviti la oftan renoviĝon de la Estraro kaj la longan restadon de samaj personoj en la Estraro. Tial, kiam la koncernaj ŝtataj instancoj oficiale aprobos la proponitajn ŝanĝojn, la Estraro estos elektata por kvar jaroj, kaj eblos nur unu reelekto por pliaj kvar jaroj. La balotoj okazos laŭ periodoj de du jaroj por duono de la Estraro, laŭ alterna ordo en la postenoj.

Alia vigle debatita temo estis tiu pri kotizoj. Kiel dirite, la provo pasintjare aprobita ne sukcesis, La kongreso decidis do, ke la minimuma kotizo por ricevi la Bultenon estu 60 pesetoj, kies kvanto respondas al membro-abonanto. Membro-subtenanto estos tiu, kiu volonte pagos duoblan kotizon, kun rajto ricevi du ekzemplerojn de *Boletin*, se tion li deziras. La nomoj de tiuj subtenantoj estos anoncataj en la paĝoj de nia gazeto. Numeraj membroj, sen *Boletin*, sed kun la samaj rajtoj, ekster tio, ol la abonantoj, pagos 30 pesetojn, kaj la membroj familianoj 15 pesetojn.

La kolektiva kotizo de la grupoj, starigita ekde la fondiĝo de HEF, sed neniam aplikata, reakiros de nun efektivecon. Laŭ tio, ĉiu grupo pagos jare al la kaso de la Federacio 6 pesetojn por ĉiuj el siaj membroj, kiu rekte ne apartenas al HEF; kompense, la nacia organizo liveros al la grupoj unu ekzempleron de la bulteno po ĉiu deko de kolektivaj membroj.

Ĉiu membro, kolektiva aŭ individua, ricevos sian propran membrokarton.

Sekvante la tagordon, la kongreso aprobis kelkajn proponojn de S-ro Alonso, el kiuj ni notas la jenajn:

Skribi al la Ĝenerala Direktoro por Instruado, ke en ŝajne baldaŭ ellaborota mezlerneja instruplano, Esperanto estu konsiderata kiel volonta fako.

Starigo de komisiono por ellabori regularon pri organizado de la kongresoj.

Pretigo de materialo por konstanta Esperanto - Ekspozicio je la servo de la grupoj.

Fine, oni decidas peti al la Ĝenerala Direktoro de Poŝto kaj Telegrafo la eldonon de speciala poŝtmarko.

Kiel lasta punkto, oni debatas pri la urbo por la venontjara kongreso. La estraro jam faris demarŝojn kaj traktis kun S-ro Arbona el Palma de Mallorca, la bela ĉefurbo de Balearaj Insuloj, pri la eblo aranĝi nian renkontiĝon. S-ro Arbona akceptis, kondiĉe ke la kongreso ne okazu dum la somero, pro la problemo, kiu tiam ekzistas por la loĝado. Oni sugestas profiti la ŝancon de la Internacia Kongreso de Fervojistoj—Majo 1961 en Barcelono—por aranĝi la nian tuj sekve, kio ebligas la partoprenon

de multaj eksterlandanoj en Palma de Mallorca. La Estraro do, interkonsente kun S-ro Arbona, definitive decidos.

Finiĝas kunveno; kaj, dum D-ro Tudela pretigas sin por legi raporteton pri sia vortaro, S-roj Mabesoone, Nunes kaj Hernández iras en apuda ĉambro por gvidi la ekzamenojn pri Elementa Kapableco, kiujn partoprenas gejunuloj el la Pontevedra Klubo kaj pluraj aliaj kongresanoj.

SABATO, 23 JULIO.

En la programo de tiu tago okazis ŝanĝo, malĝoja kaj dolora ŝango. La kompletiga laborkunsido devis esti nuligata, por ke ĉiuj povu partopreni la funebran ceremonion de la enterigo de nia forpasinta samideano Víctor Rebollo.

Jes, plej vere, imponis la grava manifestacio de solidareco, kiun montris la tuta kongresanaro. Tra la trankvilaj stratoj de Pontevedro defilis, malantaŭ la ĉerko kovrita per Esperanto-flago kaj surŝultre portata de samideanoj, ĉiuj kongresanoj kaj multaj pontevedranoj. Nia rondo familia evidentiĝis okaze de tiu ĉagrena evento; kaj, krom doloro, ni sentas emocian frostotremon vidante tion: eĉ pli kiam S-no Alonso diris, ke la mortinto estos kvazaŭ simbolo por la urba esperantistaro, kiel semo, kiu donas bonan frukton por nia afero.

Post la enterigo, la kongresanoj iris al la salono de «Círculo Mercantil», kie okazas la Solena Fermo de la Kongreso.

Tie, kiam la aŭtoritatoj eniris, antaŭ ol sidi en la prezidejo, ili vizitis la Ekspozicio kaj scivole interesiĝis pri la abunda kaj bone aranĝita materialo, kolektita de la Pontevedra Klubo.

Lia Ekscelenca Mosto la Provincestro, S-ro Rafael Fernánnez Martínez, prezidas en akompano de la Prezidanto de la Provinca Deputitaro, S-ro Prudencio Landin Carrasco, Komandanto de la urba garnizono, kolonelo Enrique Alonso-Cuevillas Crespo; ĉefpastro Lino García García; S-ro Eusebio Taboada, prezidanto de la Klubo kaj D-ro Solá kaj aliaj personoj.

Unue, la alilandaj samideanoj, kaj S-ro Alberto Sánchez nome de la Federacio, salutas kaj dankas la aranĝintojn kaj la aŭtoritatojn pro la varma akcepto de nia tutlanda renkontiĝo, rimarkigante la grandan intereson, kiun havas la pruvo farita hieraŭ pri la rekta instruado de Esperanto al infanoj.

Pri tio mem ankaŭ parolas kaj montras sian miron S-ro José Araujo, Direktoro de la instruista Lernejo, kiu se komence permesis ion dubeme la aranĝon de tiu Esperanto-kurso por infanoj, nun li estas firme konvinkita pri la graveco de tiu eksperimento. Li deklaras apogi la peticion por ke Esperanto estu enkondukata, kiel volonta fako, en la lernejoj de la lando.

Fine, per mallongaj vortoj, la Provincestro fermis la kongreson.

Posttagmeze, karavano de aŭtobusoj transportis la kongresanojn al la najbara urbo Marin por fari viziton al ĝia grava Militista Marlernejo; dum preskaŭ du horoj, oni vizitis la diversajn instalaĵojn kaj lernoĉambrojn, kun ege kuriozaj aparatoj. Tre plaĉe imponis ĵus inaugurita naĝbaseno, kun moderna dekoracio, kiu certe liberas al la junaj lernantoj etoson de luksa kabaredo. La kongresanoj veturis al apuda montaro «Coto Redondo» ĉarma turisma loko, kie meze de idilia pe zaĝo, ornamita per ĉiuj nuancoj el verda koloro, sur insuleto en la centro de artefarita lago, okazis vigla folklora festo. Sub la dolĉa sono de la tipa galega sakfajfilo, akompanata de tamburinoj, dancis kaj kantis por la kongresanoj simpatia kaj lerta trupo de la Folklora Grupo de «Ĥoro kaj Danco» de Villagarcía de Arosa, kiu, antaŭ ne multe, ricevis la unuan premion en nacia konkurso kun plej gravaj similaj hispanaj grupoj.

La vigla ritmo kaj la logaj kostumoj, kun la juneco kaj simpatio de la ludantoj estis kaŭzo de emocio kaj admiro por ĉiuj kongresanoj. Tiu emocio kreskis laŭ turnoj de la danco kaj atingis sian kulminon, kiam oni aŭdis senatende, meze de la danco, tiun sovaĝan pratempan krion, kiun en galega lingvo oni nomas «aturuŝo». Ĉe la

fino de la prezentado, varma entuziasma aplaŭdado esprimis la kontenton de ĉiuj ĉeestantoj en tiu neforgesebla spektaklo.

Kun gajaj mienoj, oni eniras en siajn respektivajn aŭtobusojn por reveni al Pontevedro, tra la belega vojo de kie oni povas rigardi neforgeseblan vidaĵon, dum rava sunsubiro en kiu la suno, la maro kaj la tero, per ora, blua, verda koloroj, kombinas sin en sinfonio de nepriskribeblaj nuancoj, en konkuro por atingi la supron de la belo.

Jam noktiĝis, kiam la ekskursantoj alvenis en la urbon por rekte iri tuj al la restoracio, kie okazis la Oficiala Bankedo. Granda nombro de gekongresanoj partoprenas la kunmanĝon pro ĝia modera prezo kaj abunda provizo, laŭ la galega kuirarto kaj la forto de la tipa vino «rivejro», kiu inspiris belajn tostojn al pluraj samideanoj, kun laŭdoj kaj gratuloj por la bona aranĝo de la kongreso kaj kun promesoj ĉeesti la venontjaran en Palma de Mallorca...

**Raportis: A. PEREZ.**
**Finredaktis kaj poluris: L. HERNANDEZ.**

## DANKAJ VORTOJ DE LA ORGANIZA KOMITATO

Karaj gesamideanoj: la kongresaj tagoj nun estas for, kaj por ni ĉiuj ili estas jam nur memoro. Memoro feliĉa, malgraŭ kelkaj ĉagrenoj kiujn, pli-malpli, ni ĉiuj spertis, kaj pri kiuj ne gravas paroli, se ne tiel:

Ni dankas vin pro via veno, kaj ni bedaŭras pri viaj ĉagrenetoj; ankaŭ ni kontente oferas nian laboron kaj ĉagrenojn, kaj varme petas vin fari same, ĝoje, ĉar ni nun povas aserti ke, dank'al ili, sur la Pontevedran grundon falis bona semo, pri kies bonega frukto ni esperas tre baldaŭ povi informi vin.

Do, al ĉiuj, dankon kaj ĝojon, ĉar tia semado estas nia ĉefa celo, kaj ĝin plene ni atingis. Kaj, ĝis revido dum alia kongreso, karaj geamikoj!!

## XXII.ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Palma de Mallorca, 14 - 19 Majo 1960

### PROVIZORA PROGRAMO

SABATO, 13.

Matene, alveno de la kongresanoj de IFEF. Posttagmeze: vizito al la kastelo kaj arbaro Bellver. Interkonatiĝa vespero por tiuj HEF-anoj kiuj troviĝos en Palma.

DIMANĈO, 14.

Matene. Alveno de la kongresanoj enŝipiĝintaj en Valencio. Sankta Meso. Fotografado. Vizito al la Urbodomo. Malferma kunsido. Posttagmeze: Prepara laborkunsido, kaj, eventuale, ekzamenoj.

LUNDO, 15.

Ekskurso al Valldemosa, Miramar, Deya kaj Soller. (En Soller oni celebros folkloran feston okaze de la IV.ª jarcento de militista ago, Moroj kaj Kristanoj). Post reveno al Palma, kongresa laborkunsido.

MARDO, 16.

Ekskurso al Manacor, grotoj de Drach. Post reveno al Palma kongresa laborkunsido.

MERKREDO, 17.

Vizito al Pollensa (tra Alcudia). Kabo kaj lumturo Formentor. Post reveno al Palma, kongresa laborkunsido; La IFEF-kongresanoj enŝipiĝos por vojaĝi al Barcelono.

JAÚDO, 18.

Vizito al Camp de Mar, Andraitx, S'Arracó, San Telmo, Freu de la Dragonera. En Palma, eventuala kunveno.

VENDREDO, 19.

Fermo de la kongreso, bankedo. Enŝipiĝo por vojaĝi al Valencio.

**PAGU BALDAÚ VIAN KOTIZON POR VENONTA JARO**

# Vivo kaj verko de Sir Alexander Fleming

RESUMO DE LA KONGRES-PRELEGO DE D-ro SOLÁ

*Inter la multaj homoj el kiuj konsistas la homaro, distingiĝas kelkaj, nomataj grandaj homoj, al kiuj, efective, ni ŝuldas nian progreson.*

*Unu el tiuj maloftaj homoj, kun akuta penso, kaj superdotita per atenta kaj profunda observado, estis Fleming. Li naskiĝis en skota farmodomo, antaŭlasta filo en okfila familio. Fleming estis sendita al Londono, ĉe lia frato, kuracisto tie. Gis la aĝo de dudek jaroj li laboris kiel oficisto en Marista Oficejo. Mortis tiam unu el liaj onkloj kaj tiu donis al li testamente la sumon de 250 funtoj. Lia frato konsilis al li per tiu sumo studi medicinon kaj fariĝi kuracisto.*

*En Julio 1901 li, post ekzameno, eniris en la Medicinan Lernejon Sankta Mario kaj renkontiĝis tie kun la fama bakteriologo Sir Almond Wrigth. Dank'al tiu cirkonstanco li farigis bakteriologisto.*

*En 1914ª li estis sendita al Francujo kun la brita armeo apud sia majstro Wrigth kaj tie luktis kontraŭ la infektaj malsanoj.*

*En decembro 1915ª li edziĝis kun irlandanino, Sara Marion, kiu iam diris: «Alec estas granda homo, sed oni ignoras tion».*

*Li eltrovis ke en la larmoj ekzistas substanco kiu mortigas la mikrobojn; li nomis ĝin lisozimo, sed ne sukcesis rikolti tiun ĉi substancon en stato de pureco.*

*Fleming estis tre observema persono kaj neniam ĵetis ion ajn, sen atenta antaŭa observado. Unu fojo, antaŭ el forĵeti skatolon kun kulturo de stafilokokoj, li observis kuriozan aferon kiu vokis lian atenton. Stranga ŝimo invadis la kulturon kaj li vidis ke, apud la ŝimo, la mikrobaj kolonioj fariĝis travideblaj kaj malvivaj. Li studis tiun ŝimon kaj vidis ke ĝi estas malofta Penicilium Notatum. Li kulturis la ŝimon kaj vidis ke ĉiam ĝi montris sian mortigan povon kontraŭ kelkaj danĝeraj, por la homo, mikroboj. Li komisiis al Ridley kaj Craddok, ĥemiistoj, la izoligon de tiu substanco, al kiu li donis la nomon penicilino. Sed tiu ĉi estis tiel delikata ke ili ne sukcesis konservi ĝiajn kvalitojn.*

*Fine, post kelkaj jaroj, Florey, aŭstraliano kaj Chain, germana judo, sukcesis ellabori puran penicilinon, kiu gardis, dum longa tempo, sian antisepsan povon kaj permesis ĝian uzon kiel kuracilo.*

*Kelkaj anekdotoj el la vivo de Fleming donas ĝustan ideon pri lia persono. Kurioza estas lia rimarko, kiam en vizito en Ameriko, ĉe la fabriko de Pfizer, vidante la laboratoriojn tiel puraj kaj senmakulaj, ĉio sterila, li diris: «Se mi estus laborinta en tiu ĉi laboratorio, mi neniam eltrovus la penicilinon, ĉar ĝi venis al mi tra la fenestro kun la polvo de la strato».*

*Atentinde pri lia persono estas ke li nenion postulis por sia granda kaj merita eltrovo; li donacis ĝin al la homoj.*

*La Scienca Sveda Akademio donacis al li kiel honorigo la Nobelpremion.*

*Ankoraŭ kelkaj anekdotoj pri lia vojaĝo en Hispanujo rakontas la preleganto.*

*En oktobro 1953ª li suferis pneumonion kaj, por la unua fojo, en propra korpo li spertis la efikon de la kuracilo. La 11ª marto de 1955ª li mortis subite en sia propra hejmo, sen tio ke la kuracilo taŭgis por lia kormalsano.*

*Lia eltrovo tute ŝanĝis la sistemon de kuracado de la malsanoj kaj donis okazon al la fabrikado de novaj kaj efikaj medikamentoj; ĝi kaŭzis ke la kuracado, anstataŭ arto, kio ĝi estis dum longa tempo, fariĝis efektiva scienco, kaj kiel ĉiu scienco, ĉiam progresonta.*

*En la listo de la grandaj homoj, kiuj tiom faris por la antaŭeniro de la homaro, Fleming estis kaj restos, por ĉiam, unu el la plej grandaj; kvazaŭ unu el la plej brilantaj steloj kiujn ni observas, kiam ni rigardas en sennuba nokto, inter la multaj malgrandaj steloj kiuj lumas en la firmamento.*

# HISPANA KRONIKO

**Averto:** Pro spacomanko ni estas devigataj mallongigi kelkajn raportetojn, senditajn de niaj korespondantoj kaj ankaŭ ne publikigi aliajn, kiuj perdis grandan parton de sia intereso pro la longa tempo kiu ili pasis en la redakcio.

R. K.

---

**SAMA DE LANGREO (Oviedo).** S-no S. Collado informas pri filatelia ekspozicio aranĝita de la Filatelia Grupo de la Valo de la Rivero Nalón, en kiu estis Esperanto-fako kun 13 pm. Pri tiu ekspozicio S-no Collado verkis artikoleton kiun elsendis Radio Langreo okaze de la komenciĝo de nia XXI^a Hispana E-Kongreso. Kun la raporto ni ricevis foton en kiu oni povas vidi la poŝtmarkojn prezentitajn de S-ro González Cepedal, el Entrego.

**MADRIDO.**—S-no F. Alafont, el Madrida E-Klubo sciigas al ni per agrabla letero, ke, okaze de la vizito de patro Thalmaier estis aranĝita prelego, en kiu ĉeestis pli ol cent personoj. Faris samtempan tradukon la prezidanto de M. E. K., S-ro Figuerola. La prelego okazis en «Hermandades del Trabajo», kaj ĉe la fino, la ĉeestantoj direktis demandojn al patro Thalmaier kiujn li respondis tre afable.

**GIJON.**—Per letero de S-no J. Ordieres alvenas al la redakcio sciigojn pri regiona kunveno, aranĝita de E-Grupo «Jovellanos». Partoprenis ĝin samideanoj el la tri asturiaj E. Grupoj: «Jovellanos», «Nordo» kaj «Verda Kolombejo». En la kunveno oni decidis organizi propagandon en la regiono, precipe en Pravia, kie la tri nomitaj grupoj aranĝos ekspozicion por fondi novan grupon en tiu urbo.

**Ni ricevis...**

...ekzempleron de katolika informilo «Aleluya» (3-7-60) kun sciigo pri la Universala Kongreso en Bruselo. Sendinto. S-no Guzmán el Valencio.

...ĵurnalon «Ayer» (20-7-60) kun intervjuo farita pere de Esperanto al nederlanda geologo S-no Mabesoone. Sendinto: S-no Naranjo el Jerez de la Frontera.

...ĵurnalon «Jaén» (24-7-60) kun artikolo pri Unesko kaj D-ro Zamenhof kiun sendis S-ro J. Anguita el Jaen.

...eltranĉaĵon el Zaragoza ĵurnalo anoncanta prelegon de Patro Thalmaier (25-8-60) sendita de S-no Vicente Ponz el Zaragoza.

...eltranĉaĵon de ĵurnalo «El Faro de Vigo» (1-9-60) kun artikolo pri la decidoj de nia pasinta kongreso en Pontevedra Sendis ĝin S-no Alonso el Pontevedra.

...ĵurnalon «El Diario Palentino» (15-9-60) kun artikolo pri Tutmonda Gazetara Ekspozicio aranĝita de la loka E-Klubo. Sendinto: E. Marbán el Palencia kiu verkis la artikolon.

...eltranĉaĵon de ĵurnalo «La Vanguardia Española» (15-9-60) kun artikolo «Universala bezono: Esperantismo» verkita de fama musikisto S-ro Juan Manén. Sendintoj: S-noj D-ro Solá, V. Hernández Llusera el Sabadell kaj José Lerroux el Barcelono.

...«Boletín de Carbones la Nueva» (Septembro 1960) kun artikoleto de la sendinto S-no S. Collado el Sama de Langreo.

...Grandan afiŝon kiu anoncas E-Kurson en San Feliu de Llobregat patronita de la urbestraro de tiu urbo.

...afiŝon anoncanta la E-Kurson ĉe Valencia Universitato aranĝita de la Valencia E-Grupo.

---

**Contestación al telegrama de saludo que se envió a S. E. Jefe del Estado y Generalísimo**

65088 PONTEVEDRA DE SAN SEBASTIAN 954 46 29 14'30
EL SECRETARIO SU EXCELENCIA JEFE DEL ESTADO Y GENERALISIMO A PRESIDENTE CONGRESO ESPAÑOL ESPERANTO.

SU EXCELENCIA JEFE ESTADO Y GENERALISIMO AL AGRADECER TELEGRAMA QUE LE ENVIA CON MOTIVO DEL VEINTIUN CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO LE SALUDA AFECTUOSAMENTE COMO TAMBIEN A TODOS LOS PARTICIPANTES.

## AVISO A LOS GRUPOS

*Entre los acuerdos tomados en el Congreso de Pontevedra, se encuentra el de poner en vigor la cuota de socio colectivo, como ayuda de los Grupos a la Federación.*

*Esta cuota se fijó en 6 pesetas anuales por cada socio de Grupo que no esté directamente asociado a la Federación, y deberá ser abonada por los respectivos Grupos.*

*Cada Grupo recibirá un ejemplar de* Boletín *por cada diez socios colectivos, y cada socio colectivo tendrá derecho a que la Federación le extienda su correspondiente carnet de socio de esta categoría.*

*Por todo lo cual se ruega a los Grupos que, para cumplimentar lo acordado, remitan a la Federación una relación de los socios que componen el Grupo, con sus domicilios, si es posible, e indicando si son o no socios de HEF; esta relación deberá ser remitida a la Federación antes del 20 de noviembre próximo, a fin de poder publicar la lista de Grupos en el próximo número de* Boletín *(que esperamos poner en circulación a primeros de Diciembre), y de saber el número de boletines y carnets que serán necesarios para el próximo año.*

*H.E.F.-Secretaría*

---

### Funebra sciigo

*Dum la celebrado de nia XXI.ª Hispana Kongreso de Esperanto en Pontevedra, forpasis pro subita koratako nia samideano Víctor Rebollo Echániz. Hispana Esperanto Federacio esprimas ĉi tie sian kondolencon al la familio de la forpasinto, je sia nomo kaj je nomo de Pontevedra Esperanto-Klubo, kiu faras ĉi tiun promeson per jenaj propraj vortoj: La tombon ni zorgos kiel simbolon de nia movado; ĝi, vere, estas tia por ni.*

---

### Vivo samideana

*Al S-no Jaime Juan Forné naskiĝis (3-7-60) trian filon kiu estis baptita per la nomo Santiago.*

*La 25-an de junio 1960 edziĝis Salvador Aragaj (prezidanto de HEJS), al F-ino Pepita Girón. La geedziĝo okazis en Barcelono.*

*La adreso de la nova paro estas:*

*Calle del Arce, casa 4, 2.º 4.ª Cornellà (Barcelona).*

---

*Al S-no V. Hernández Llusera naskiĝis (16-8-60) filon kiu estis baptita per la nomo Lázaro Luis.*

---

*Federacio gratulas la interesitojn kaj iliajn familianojn kaj deziras al ili grandan feliĉon.*

---

### Koran Gratulon!

*Ni ĝojas tre sincere, ĉar okaze de la nunjara Belarta Konkurso de U. E. A., nia tre ŝatata membro de H. E. F., S-no Salvador Gumá, el Reus, gajnis la duan premion por originala prozo, per sia novelo «Feliĉan Novan Jaron». Do, feliĉan novan premion!*

---

## 46ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

### HARROGATE (BRITUJO)

5 - 12 Aŭgusto 1961

**Poŝtadreso:** *46ª Universala Kongreso de Esperanto, Harrogate, Yorkshire, Britujo.*

**Banko:** *Midland Bank Ltd., Harrogate, Yorkshire.*

### Provizora programo

**I Manifestacio antaŭ la Kongreso:** *1, Oficiala Antaŭkongreso en Londono.*

**II Kongresaj laboroj:** *1, Ĝenerala Kunveno de UEA. 2, Fakaj Kunvenoj. 3, Komitato kaj Estraro de UEA. 4, Akademio de Esperanto.*

**III Kulturaj kaj artaj programoj:** *1, Belarta Konkurso kaj nomado de la «Aŭtoro de la Jaro». 2, Oratora Konkurso. 3, Internacia Somera Universitato. 4, Muzikaj kaj teatraj prezentadoj.*

**IV Festoj:** *1, Interkona Vespero. 2, Solena Inaŭguro. 3, Junula Vespero. 4, Virina Vespero. 5, Bankedo. 6, Kongresa Balo. 7, Solena Fermo.*

**V 6ª Internacia Infana Kongreseto.**

**VI 31ª Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj.**

**VII Ekskurso.**

**VIII Postkongresaj manifestacioj.**

# Postkongresa meditado

Ĉiu esperanta okazintaĵo devas esti pripensata, por ke, el ĝi, oni eltiru la maksimumon de profitigaj deduktoj, instruaĵoj kaj spertoj. Kaj niaj kongresoj, kiel plej grava okazintaĵo en la daŭro de la normala laborjaro, estas, ja, la plej pripensinda kaj prijuĝinda afero, kiu devas instrui nin, por nia plej bona sperto.

Analizinte la tuton de la ĵus okazinta, ni povas konsideri ke, entute, ĝi estis bona kongreso, kiu plenumis la plej interesan taskon de kongreso: plivigligon kaj plifortigon de la movado en la koncerna regiono. Pri tio, ĉiuj devas agnoski ke la sukceso estos nepra!

La kongreso donis al sam-o A. ALONSO—la mirinda motoro de la regiona movado—la apogon, la helpon kaj la sekurecon kiujn li petis por plifirmigi sian laboron. Li meritis tian helpon, kaj li havis ĝin!

Pri la multenombreco de la kongresanaro ni ne povas plendi. La kongreso nombris unu el la plej altaj enlistigoj en la lastaj jaroj. Sed...

Kiuj konsistigis la anaron? Ni devas konfesi ke, escepte de kelkaj kutimaj ĉeestantoj de ĉiuj kongresoj, la plejparto estis nur esperantemaj aŭ simplaj turistoj! Veraj aktivaj, scipovantaj kaj kapablaj esperantistoj estis nur... manpleno! La laborkunsidoj tion pruvis, ĉar neniam ili estis tiel maldensaj. Kaj ni devas esprimi nian bedaŭron kaj plendon pro la malĉeesto de najbaraj samideanaroj, kiuj tre facile estus povintaj doni al la kongreso, ne nur multenombron, sed seriozan efikon. Tiu manko estis, ja, tre ĉagreniga kaj ni petas al la mankintoj ke ili konsideru la gravecon de sia indiferenteco pri la kongreso.

Aliflanke, ni ĉiuj devas rekonsideri ĉu ni pravas, ĉu ne, organizante karavanojn en kiuj nur eta parto estas samideana, kaj la cetero simplaj ekskursantoj, kiuj profitas de la malmultekosteco de la organizado, de la ofero kaj suferado de la organizantoj, por okazigi, kompense de la sopirata multenombreco, konfliktojn kaj problemojn.

Ni pensas, sincere, ke, por estontaj kongresoj, nur esperantistoj, kun siaj rektaj familianoj, kaj eta partopreno de bone selektitaj, seriozaj, respektemaj kaj esperantigeblaj amikoj, devas konsistigi la kongresanaron. Ni manĝu nian supon senfanfarone, modeste... kaj pace!

· OLDULO

# PRI INSTRUADO DE ESPERANTO AL INFANOJ

Multaj gekongresanoj miris pri la flueco per kiu miaj du infanoj parolas Esperanton, kaj insiste demandis min pri la sistemo kiun mi uzas. Mi dubas, ĉu oni povas nomi «sistemo» mian agmanieron, kiu estas sufiĉe simpla, kaj, sendube, efika:

La infanojn mia edzino alparolas hispane; mi, esperante. Tio estas absoluta regulo, sen ia deflankiĝo. (Eble, tre baldaŭ ankaŭ mia edzino parolos esperante; ni volas ankaŭ garantii sanan lernon pri hispana lingvo, kiu nun jam ŝajnas akirita). Kiam mi diras novan vorton, la infanoj ofte demandas pri traduko: tion mi absolute ne donas; mi ĝin klarigas esperante, ne pli. Se ili kapablas mem fari tradukon hispanen, des pli bone; se ne, plia vorto kiun ili konas nur en Esperanto. Plej grave estas kiam ili petas pri traduko esperanten de hispana vorto, kiun mi ne konas (ĉar se mi konas ĝin, mi tutsimple tradukas): mi neniam trompas ilin per deturniĝoj, ktp; ili jam scias ke mi lernas la internacian lingvon samtempe ol ili: do, ni rigardas kune la vortaron (tion mi faris, eĉ kiam ili ne sciis legi, kaj plue, faras nun, kiam la granda infano scias). Eĉ tia sinteno plifortigas la amikecon kaj amon inter ni.

Fine mi diru kiel multan Esperanton mi lernis tiel, ne nur miaj filetoj! Ĉu vi volas agi same? Vi spertos multan ĝojon!!

ANTONIO ALONSO NUÑEZ

---

# *DEKLARO PRI «NEPALO»*

En la libro *Nepalo malfermas la pordon*, de Tibor Sekelj, eldonita de STAFETO, aperis postparolo kaj geografia mapo, en kiuj kelkaj landnomoj kaj aliaj geografiaj nomoj ne koincidas kun tiuj donitaj en la teksto de la libro.—Tia nekonsekvenco okazis, ĉar la eldonisto kaj la prizorganto de la preso de la libro—pro teknikaj kialoj—ne submetis al la kontrolo de la aŭtoro la postparolon kaj la mapon, en kiuj ili allasis siajn personajn opiniojn.

Pere de tiu ĉi publika deklaro la eldonisto petas senkulpigon kaj esperas, en iu venonta eldono, konsekvence ĝustigi la tuton.

J. RÉGULO
eldonisto




# XIIIᴬ I.F.E.F. KONGRESO

## BARCELONO (Hispanio)

## DE LA 6.ª - 13.ª DE MAJO 1960

*Adreso:* 13.ª I. F. E. F. Kongreso, Estación Término R. E. N. F. E. Barcelono (Hispanio).

*Kongresejo:* «Casino del Parque de la Ciudadela».

*Bankkonto:* 13.ª Fervojista Internacia kongreso de Esperanto, Banco Exterior de España. - Barcelono (Hispanio).

Protektita de la Sindikata Fako «EDUCACION Y DESCANSO».

## 1.ª INFORMILO

### LOKA KONGRESA KOMITATO

*Prezidanto:* José Saladrigas.
*Vicprezidanto:* Leonardo Colás.
*Sekretario:* Ramón Giménez.
*Helpsekretario:* Angel Baquero.
*Kasisto:* Edmundo Alvarez.
*Loĝado:* Carlos Birumbrales.
*Propagando:* Eusebio Barriocanal.
*Fervojaj aferoj:* Jesús Zarco.
*Kongreslibro:* Jaime Miró.
*Helpantoj:* D. Berges, R. Rincón, R. Olivares, S. Cols, J. Margalet, J. Olivares, E. Rucandio, J. M. Lasa.

**Glumarkoj.**—La L. K. K. eldonis kvarkolorajn glumarkojn, kiujn oni povas akiri en ĉiuj I. F. E. F., sekcioj je malmultekosta prezo.

Ankaŭ oni povas peti ilin rekte al L. K. K. La prezo estas: 3 folioj (24 glumarkoj: 5 pesetojn.

**Al la perantoj de revuoj, kursgvidantoj, komisiitoj pri radioprogramoj kaj al la Grupoj.**

En venonta Boletin ni intencas dediĉi du foliojn kiel propagandilon de Esperanto. En ĉi tiu propagandilo ni klopodos respondi la plej oftajn demandojn, kiujn al ni faros tiuj kiuj sin direktas al la Federacio petante informojn. Por tiuj respondoj ni bezonas jenajn detalojn:

Nomoj kaj adresoj de la perantoj de revuoj kaj aliaj datoj kiuj povas esti interesaj.

Lokoj kie oni povas partopreni E-Kurson, dato, horo, ktp.

Lokoj kaj horoj kie kunvenas esperantistoj.

Longondoj kaj horoj, kie okazas radioprogramo.

Do, ni dankegos tiujn kiuj sendos al ni tiujn informojn.

## SALUTO AL PONTEVEDRA

Ho, lando plej bela, vi estas kombin'
De verdo kaj bluo, de montoj kaj maro!
Kun via pejzaĝo ne estas komparo;
Eden', al mi ŝajnas, la ĝusta difin'.

En vi, Pontevedra, ja kuŝas senfin'
Abundaj trezoroj de belo kaj raro.
Se Muzoj min benus, kun ĝojo, sen ŝparo,
Mi verve vin kantus per versa rafin'.

Min sorĉis: de Lérez la plaŭda murmuro,
Marbordoj, kampar', kun stranga poezio,
Kaj dolĉa klimato, kreiva naturo!

Ĉiloke la ĉarm', en pura harmonio,
Invitas al plaĉ', al revo, al plezuro...
Do, gloron, saluton al vi, Galegio!

ADOLFO NUNES

---

## ITALUJO BELA LANDO

*(fino)*

*NOTO: Pro lasthora akumuliĝo de originalo ni ne povis meti la tutan artikolon «Italujo bela lando», en nia antaŭa numero de* Boletín. *La urĝo por ke* Boletín *estu preta antaŭ la kongreso, faris ke la presisto ne atendis nin por lasta rekorektado de la teksto kaj li tranĉis la artikolon laŭ la disponebla spaco. Sekve, ni metas la finon de tiu artikolo kiun verkis S-no R. Molera, el Moyá, kiu ankaŭ sendis al ni la kliŝojn pri Roma kaj Venecia kiujn ni publikigis.*

R. K.

perantujo, kun partopreno de la japana samideanino, F-ino Joŝiko Kaĵino; Kongresa balo, bankedo kaj vizito al la urbo kaj ĉirkaŭaĵoj kaj tuttaga ekskurso al la malnova kaj tipa urbo Siena.

Resume, tre bela kaj sukcesa Kongreso dank' al partopreno de preskaŭ duonmilo da italaj geesperantistoj, kaj preskaŭ cent eksterlandanoj, inter ili karavano kun kvardek poloj.

*La vojaĝo daŭras.*—Ni forlasis Firenze kaj nia celo estis Venecia, post rapida vizito al la Baziliko de Sankta Antonio en Padova. Venecia estas kaprico de la naturo kaj akvo cirkaŭas kaj kuras tra preskaŭ ĉiuj stratoj; la turistoj amase invadas la urbon. Sankta Marko, la Katedraio, estas belega; la trairado de la gondoloj estas konstanta. Por tranokti en humila hotelo, ni pagis tri mil lirojn (300 pes.).

Helan matenon ni lasis la Doĝan Urbon kaj tagmeze ni alvenis al la industria Milano; tie ni vizitis la faman gotikan katedralon kaj admiris la egan strattrafikon. La tiea U. E. A. Delegito, S-ro Pierluigi Maregi, antaŭmendis por ni dormoĉambron en taŭga hotelo.

Denove ni atingis Genova kaj nia restado en Italujo finiĝos. Certe, la itala lando estas admirinda kaj la arttrezoroj neforgeseblaj.

*Bela estas la mondo, sed oni deziras reiri hejmen.*—En Francujo ni haltis en Nice kaj Marseille. En tiu ĉi lasta urbo ni rememoris niajn travivaĵojn okaze de la U. K. de Esperanto en 1957. Post vizito al la Specimena Foiro ni tagmanĝis ĉe malnova haveno, kaj nokte ni envagoniĝis denove por alveni al Barcelona sekvantan tagon, proksimume je tagmezo.

Ni travivis belajn tagojn en Esperantujo, ni havis sukcesplenan vojaĝon kaj ni riĉigis nian kultursciadon. La tutan sukceson de nia vojaĝado ni ŝuldas al la lingvo Esperanto.

RAMON MOLERA

---

## La Prezidanto dankas

Karaj gekongresintoj: Unu el la plej amaraj sentoj de mia esperantista vivo estis mia malĉeesto en la lasta kongreso. Sopiri dum longa jaro al la plezuriga renkontiĝo en Pontevedra; brakpremi bonajn amikojn kaj ekkoni novajn, estas eksterordinara, tute ĝojiga sento; manki al ĝi signifis, por mi, la fiaskon por tuta jaro.

Mi jam scias ke, kompreneble, mia etvalora persono estis avantaĝe anstataŭata de kompetentaj samideanoj, kiuj, pro tiu fakto, pruvis ke ili povas kaj devas eniri la vicojn de nia malmultenombra aktivularo. Tiu kiu kapablas, devon havas!

Mia maloportuna malsano, feliĉe, malaperis preskaŭ subite, kaj mi povis rehejmiĝi sen grandaj ĝenoj. Jam frue, en Santiago, mi ricevis perleterajn kaj telefonajn pruvojn de la konsterniĝo kaj bedaŭro de la kongresanaro; poste, en Valencia, tuta lavango da ili repruvis ĝin.

Estos al mi preskaŭ neeble respondi akurate al ĉiuj kiuj esprimis al mi sian bedaŭron. Tiuj ĉi linioj taŭgu por danki ĉiujn pro ilia bonkoreco kaj por atesti mian profundan deziron resaluti ilin venontjare, en Palma de Majorko!

D-ro R. HERRERO




**ESPERANTO AL ALCANCE DE TODOS; por don Fernando Soler y Valls.**—8.ª edición.—Valencia, 1960.—25 pesetas en Libroservo.

*Cuando un libro se agota con tanta frecuencia es porque tiene un valor indiscutible y cada nueva edición resuena como clarín que proclama, por todas partes, las bondades que contiene. La personalidad de su autor se agiganta a medida que el tiempo pasa, y el lector puede leer, en la primera página de este libro, un magnífico artículo necrológico que, del autor del mismo, hizo nuestro querido Presidente de la Federación Española de Esperanto, transmitido por muchas emisoras de radiodifusión españolas.*

*Esta obra es, pues, ideal para aprender con corrección la Lengua Internacional. Su materia de estudio está sabiamente dividida en 12 lecciones; 11 temas, con sus correspondientes vocabularios, preparan al estudiante para poder desenvolverse con facilidad en una conversación corriente; 12 apéndices: uno con la gramática del autor del Esperanto y otro con un magnífico formulario de cartas y sus versiones correspondientes al Español. Todo lo expuesto facilita la labor de la persona estudiosa, al ver como sus problemas se van resolviendo poco a poco, metódicamente, sin asperezas ni saltos.*

R. ALBERO.

---

**KANAKO EL KANANAM, de K. G. Linton.**—Aŭstralio.—Eldonis The Esperanto Publishing Company Ltd. 100 Long Lane, Rickmansworth (Herts.) Anglujo.—200 pĝj. Tole bindita.- Prezo: 140 pesetojn ĉe Libroservo de HEF.

*Sur mia skribotablo kuŝas ĵus eldonita libro, originale verkita en nia Esperanto.*

*Atente mi rigardas la ilustritan polvŝirmilon, la fortan bindaĵon, la bonan paperon, la klaran presadon kaj la allogajn ilustraĵojn. Post foliumado de ĉi tiu nova verko, mi komencis ĝian legadon. S-ro Linton servis en la aŭstralia aerkorpuso dum la milito, kaj, preskaŭ je la fino, li iris al Nogvineo.*

*Takto de tamburo. Estis nokte en la varma tropiko. La takto de la tamburo aŭdiĝis malproksime. S-ro Linton, ĵus alveninte al Madang, estis emociplena aŭdante tiun mis. terplenan takton de tamburo. Li sentis grandan deziron koni tiujn vilaĵojn kaj ties enloĝantojn. Sed, malfacila afero pro multlingveco; do, dum lia unua vizito al Kananam, indiĝena vilaĝeto, li trovis malmacilaĵojn, ĉar kiam li atingis ĝian placon, silento regis tie. Subite antaŭ li staris homo tia, kian li vidis neniam, krom en la ilustritaj revuoj. Donaco pro donaco. S-ro Ken, tiel nomas lin liaj amikoj, ne komprenis la starantan indiĝenon; li elpoŝigis paketon de cigaredoj kaj invitis fumi la indiĝenon; ĉi tiu stranga estaĵo prenis la paketon, el tiris cigaredon, bruligis ĝin kaj metis preskaŭ la plenan paketon malantaŭ la antaŭtuko ĉe sia talio kaj poste li foriris reveninte tuj kun granda fasko da bananoj. Sed, S-ro Ken devis lasi la vilaĝeton, ĉar li, pro miskompreno, ne estis bonvene akceptita. Malĝoje li iris tra la ĝangalo revene al Madang, kiam li survoje trovis amikon, kiu per veturilo kondukis lin domen. Tie, per pruntita libro kaj indiĝena amiko, li lernis la intergentan lingvon «Pisino» (la britoj nomas ĝin «pidgin english») kaj per tiu lingvo li revizitis Kananam'on, amikiĝis kun la indiĝenoj, interŝanĝis fruktojn. migris de vilaĝeto en vilaĝeton, iris ŝipe de haveno en havenon. Dank'al pisino kaj al S-ro Ken, paro de gefianĉoj geedziĝis, ĉar li agadis kiel eble plej bone kaj energie por ke la fianĉo estu akirinta la doton. S-ro Ken pentras majstre, per trafaj notoj la ĝangalon, la purajn kaj travideblajn akvojn de la maro, havenoj kaj riveroj; li priskribas, per flua esperanta stilo, fiŝojn, teruran ŝarkon, sovaĝajn aprojn kaj birdojn. Tamen, laŭ mia opinio, la plej elstara afero, dum lia restado en Novgvineo, estis lia senkompara sindonemo al la indiĝenoj, ĉar li agis ĉiam dece, amike, home, frate. Ĉe la fino milita, kiam liaj amikoj jam forlasis Novgvineon kaj li kaj lia amiko Karolo devas fari same, la adiaŭa momento eslis tre emocia, kaj la leganto rimarkas, ke liaj okuloj malsekiĝas. ke lia koro ŝiriĝas.*

*Ĉiuj akompanis lin al strando kaj tutkore petis lin: «ke vi revenu, ke vi revenu».*

*Ĉi tiuj aventuroj montras la vojon al tutmonda frateco, kiel oni devas trakti la simplanimajn kaj bonkorajn indiĝenojn kaj kiel dece ili agadas, kiam ni iras al ili por helpi, instrui kaj konsili.*

*Jen, do, instrua aĉetinda libro.*

R. ALBERO.

# GRÉSILLON




*La kastelo Grésillon, internacia kulturdomo de la francaj gesamideanoj, bela kaj riĉa bieno, pruvas socian forton de nia movado. Vere dankindaj kaj gratulindaj estas la kuraĝaj entreprenintoj de tiu paradizo por ideala feriado de esperantistoj el ĉiuj landoj. Niaj plej eminentaj pioniroj jam vizitis Grésillon kaj aŭtografis en ĝia honorlibro.*

*Bonkora kaj impona estas la Direktoro de tiu granda entrepreno, S-ro Micard. Saĝa kaj milda, la Sekretario, Prof. Babin. Plej ĝentilaj kaj helpemaj, kelkaj gesamideanoj, kiuj povas ofte viziti la kulturdomon kaj, do, familiare loĝas tie. Silenta heroino, S-ino Micard, la ministrino de la loĝejaj kaj kuirejajaferoj kaj ĉefa laborantino!*

*Mi vizitis la kastelon en la ĉi-jara periodo 14-24 Julio, kaj vere ĝuis prelegojn de Sroj Babin, Motillon kaj Ciliga. La lastan mi ne povis eviti nomi* lingvistikisto, *sampleonasme, kiel ni nomas france kaj hispane* café-café *la plej puran kaj bonan kafon. Efektive, li estas eminenta esperantologo kaj internacia lingvisto jam nun, kiam lia aĝo estas nur la normala de ordinara studento pri superaj scioj. Ankaŭ mi tre ŝatis interparolojn, babilojn, kun gesamideanoj malsamfakuloj, kiuj povis kaj bonvolis rakonti, klarigi, multajn aferojn el diversaj landoj kaj fakoj. Ĉiam en medio plej trankvila kaj agrabla, en kiu tamen ne mankis distroj, ludoj, muzikoĵoj, k.c.*

*Tie oni aŭdas diversfoje voĉetojn de gajaj aŭ malgajaj ranoj, ĉarmaj birdoj, bruetadon de cikadoj. Ĉar la kastelon ĉirkaŭas majestaj arboj, freŝaj lagetoj, molaj herbejoj.*

*Se vi deziras aŭ lerni aŭ profunde ripozi, liberiĝi, forlasi bruadon de nuntempa elektra, maŝina, motora urbo aŭ vilaĝo; se vi volas ekskursi al plej belaj kaj instruaj francaj historiejoj apud la riveroj Maine kaj Loire kaj Vienne, iru al la Esperantujero Grésillon pasigi kelkajn tagojn aŭ semajnojn inter Junio kaj Oktobro.*

*Se vi aŭdis pri Jeanne d'Arc kaj la tuta atmosfero de gloro kaj malgloro inter francoj kaj angloj dum la XV.ª jarcento; se vi volas alproksimiĝi al Tours, urbo plej fama pro boneco de franca lingvo; se vin interesas belega urbo ne tro granda aŭ malgranda, kaj la famaj artaĵoj de David d'Angers, iru al Grésillon, voje al Angers. Se vi volas mediti pri la mezepoka socio, la feŭda reĝimo, kaj admiri plej mirindajn kaj multajn kastelojn en plej mallongaj distancoj, iru al Grésillon.*

*Germanaj kaj anglaj, polaj kaj italiaj, kaj skandinavaj kaj egiptaj kaj alilandaj gesamideanoj, kiam vi havigos al Esperantujo viajn kulturdomojn?.*

**Delfí Dalmau**

# DIVERSAĴOJ

***Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta korektan solvon de enigmo, gajnos poenton.*** *Gajnintoj de 5 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 20-a de Novembro.*

*SOLVO DE LA ENIGMO NUM. 3*

HORIZONTALE: *2, Fiera. 3, Pul. 4, Apogi. 5, Krono. Refut. 6, Bandito. 7, Faru. Roto. 8, Sarkasm. 9, inorD. Ciano. 10, Movos. 11, Nei. Mia. 12, Supra.*

VERTIKALE: *2, Klaĉi. 3, Por. Nun. 4, Obuso, 5, Flana. Armis. 6, Ponardo. 7, Beko. Vipo. 8, Grimaco. 9, Ariet. Sisma. 10, Forma. 11, Iru. njA. 12, Tatuo.*

*Sendis korektajn solvojn: Alfred Kirch, Ramón Bastardas, Francisco Aliaga, F. Amorós, Liberto Puig, R. Albero, Adonis Gonzalez, Alfonso Escamilla kaj Augusto Ugalde.*

*ENIGMO NUM. 4*

*Krucvorta enigmo de J. Devis*

*Malsupra figuro*




HORIZONTALE: *1, Metu la rajdseĝon sur ĉevalo. Transformu la bestan felon en ledon. 2, Transformiĝo de iu estaĵo en a ian. 3, Sufikso signifanta membron de grupo. (Rad), Ĉesigata ies dormon. Sufikso montranta vivantan estaĵon. 4, (Inv) Kolektiva. (Inv) Kvalito. Adv. signifanta en alta grado. 5, (Rad), Fari maŝteksaĵon. Parto de la anima korpo enhavanta cerbon. 6, Konforma al la tradicia doktrino. 7 (Inv) Rilata al aro da objektoj envolvitaj en pap:ro k ligitaj. Malpuraĵo. 8, (Inv) Prep. signifanta koncerne al. Participo. (Rad) Nomo de greka itero simbolo de tre malgranda kvanto. 9, Ĥemia simbolo de la natrio. (Rad) Pene eligi ion el io. Pref. Montranta ripeton. 10, Tiuj kiuĵ kutime malfermas la buŝon kaŭze de dormemo, malsato aŭ enuo. 11, De tiu loko. Estaĵoj de idonaskaj seksoj,*

VERTIKALE: *1, (Rad) Ŝipano kun rango inter ŝipsoldato k ŝipoficiro. (Inv) De oni. 2, (Rad) Tuj, 3, Sufikso esprimanta malgrandecon. (Inv) Homo el la lasta, plej malŝatata kasto ĉe la Hindoj. Senceremonia pronomo 4, (Rad) Purigi per akvo aŭ alia fluaĵo. Malongigo de kaj tiel plu. Tri samaj vokaloj. 5, Japana pruno. Maljuna. 6, Direkte al tiu parto de la horizonto, kie la suno ŝajnas subiri. 7, De unu flanko ĝis alia. Senti malagrablan senton, kaŭze de minacanta danĝero. 8, (Rad) Sendanĝera ulcereto en la buŝo. Tri samaj konsonantoj. (Inv) Adv. signifanta, ne pli ol. 9, (Inv) Sufikso uzata por derivi numeralojn. Malaltaj trinkvazoj kun larĝaj faŭkoj. (Inv) Konjunkcio uzata post supereca aŭ malsupereca komparativo. 10, Uzurpintoj. 11, Grasa fluaĵo. (Inv) Aviadilo movata per reaktoro.*

---

*—Sinjoro doktoro, mi havas teruran doloron en la ventro.*

*—Ĉu vi eble manĝus ion netaŭgan?*

*—Jes, mi manĝis nematurajn fruktojn.*

*—Bone, sinjoro, mi donos al vi kuracilon por la okuloj.*

*—Sed, doktoro, estas mia ventro kiu doloras; miaj okuloj estas bonegaj.*

*—Mi kredas ke ne: prenu tiun kuracilon, por ke vi pli bone povu rigardi sekvontan fojon kion vi manĝas.*

**(El «Espero Katolika»)**

*Instruisto: La oksigeno estas necesa por la vivo. Oni eltrovis ĝin en la jaro mil sepcent sesdek tri.*

*Bill: kaj de kio oni vivis antaŭe?*

**(El «Vivo kaj Sano»)**



*Kongresaniĝo de la urbestro.* *Provincaj aŭtoritatoj vizitas ekspozicion.*



*Rubriko en ora kongreslibro.* *Direktoro de Instruista lernejo prelegas.*




*La funebra manifestado tra la stratoj de Pontevedra.*

